# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://beta.visl.sdu.dk/lingvohelpilo/

**PLENUMITA 15/10/2015 Ducenttrideknaŭa eldono 15/10/2015 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sen1du novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**

SENDATA AL 315 La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj



## El Ĉinujo 中国武汉 Roĝer vizitas Ĉinujon ĝis 29-Novembro -2015

**En Ĉinujo, mi aĉetis VPN sistemon por eviti la cenzurojn de landaj retaĵoj. (u-tubo, ktp)**

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Sendu respondojn ktp al mi, rspring@tpg.com.au

**Ĉiuj „Aŭstraliaj Esperantistoj“ atingeblas je la suba adreso**

http://aea.esperanto.org.au/australiaj-esperantistoj/?lang=eo

★★★★★ Mi samopinias kun ci, kara Volo, ke ni la ordinaruloj ne kapablas ŝanĝi la de Roger fiksitan parton de la teksto, sed mi komprenas, ke ĉi tie Roger celis anstataŭ: "Ŝanĝu n.ron 235 al n.ro 236 nur en via menso". Amike, Marcel.

★★★★★ Se troviĝas gravaj gramatikaj eraroj en « Aŭstraliaj Esperantistoj » sendita al vi, haveblas en la reto por la interesuloj kopio korektita .

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

Estas pli ol 162,000 lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/ (la Esperanto-kurso de Duolingo el de la 28a de Majo 2015)

# 92. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO



## Prepozicio aŭ Akuzativo? C.

En kiuj kazoj do ni povas uzi la akuzativon anstataŭ prepozicion, t.e. kie tio ne donas miskomprenon?

1a kazo. Se temas pri direkto, do anstataŭ la prepozicio "al": "Ni vojaĝis al Romo " --> "Ni vojaĝis Romon". Tio okazas plej ofte nur ĉe verboj de moviĝo, kvankam kelkaj verkistoj diras eĉ "Mi sopiras Parizon" anstataŭ "Mi sopiras al Parizo".

2a kazo. Se neniu prepozicio precize uzeblas, precipe ĉe tempindikoj. Ekz. "Mi venos Lundon", ĉar ne precizas "sur" aŭ "en" aŭ "ĉe Lundo". En ĉi tiu kazo oni rajtas uzi la neŭtralan prepozicion "je" anstataŭ la akuzativon.

La du pliaj kazoj venos venontnumere. Marcel Leereveld.

## Novaĵoj pri la Esperanto-Doma Gastdormejo



La **GASTDORMEJO** devas antaŭmendati de estontaj Esperantistaj gastoj.

Sendu ĉiujn petojn por resti en la gastdormejo al la Sekretariaro per retmesaĝoj al: La Sekretario-- janowylles15@gmail.com; La Prezidanto-- rspring@tpg.com.au; **kaj** La Federacio-- nsw@esperanto.org.au; Dankon!

Kam Lee kaj May O'Halloran venos la 29an de Oktobro ĝis la 4an de Novembro.

Nova Peto venis de Tomiko Otagiri kaj ŝia frato. Ili deziras restadi de la 21a ĝis la 25a de Novembro

Lyudmila (KELLOWAY) alvenos la 09-an kaj foriros la 15-an de Decembro 2015.

## Kiel mi uzas Esperantan Retradion



Tiun ĉi sonartikolon verkis kaj produktis Claude Labetaa el Francio

Antaŭ kelkaj jaroj mi preparis min por la lingvaj ekzamenoj tiel nomataj KER: ili estas ekzamenoj aranĝitaj laŭ la eŭropa referenckadro pri lingvoj. La fakto, ke tiamaniere Esperanto estos taksita same kiel aliaj eŭropaj lingvoj decidigis min trapasi tiajn ekzamenojn.

Ĉar mi bezonis, kaj ankoraŭ bezonas, progresi skribe kaj parole mi serĉis tekstojn akompanatajn de sonregistroj. Kvankam esperantlingvaj tekstoj kaj sonregistroj estas multaj en la reto, ili ne abundas kune. Miaj serĉoj kondukis min tute nature al Esperanta Retradio.

En ĉi tiu vasta retejo mi ĉiutage trovis novan tekston kaj ties sonregistron. Kunigi tekston kaj ĝian sonregistron estas la genia originaleco de ĉi tiu retejo. Tio multe helpas precipe por trejniĝi al la aŭdokomprena parto de la ekzamenoj. Mi dankegas al Anton pro lia vastega laboro, kiu ege superas miajn modestajn bezonojn. Iom post iom kelkaj spertaj samideanoj aldoniĝis helpe al Anton kaj alportis novajn

voĉojn kaj temojn. Dankegon al la tuta teamo.

Dume mi trapasis la KER-ekzamenojn ĝis la nivelo C1 danke al diversaj kursoj, staĝoj kaj kompreneble danke al miaj oftaj vizitoj ĉe Esperanta Retradio.

Ĉar ne estas multe da gvidantoj en mia regiono de Francio, mi komencis gvidi kursojn por komencantoj antaŭ ol fariĝi sperta esperantisto. Kaj poste kursojn por progresantoj... Mi do senĉese provis plibonigi miajn lingvokapablon kaj kompetentecon!

Mi ekuzis ĉi tiun retejon ne nur por mi sed ankaŭ por miaj gelernantoj. Mi elektas tekston inter la multnombraj kaj diverstemaj, kiuj troviĝas en la arkivoj de la retejo. Sur A4-folio, mi skribas la elektitan tekston kaj aldonas dekon da demandoj. Mi zorgas, ke la unuaj demandoj estu facilaj por kuraĝigi la gelernantojn, kaj ke la lastaj estu paroligaj.

Kiam mi prezentas la tekston, mia metodo dependas de la nivelo de la gelernantoj. Ekzemple, dum la aŭskultado mi elektas montri, aŭ ne, la tekston. Mi uzas la liberan programon Audacity, kiu montras grafike la sonojn kaj la paŭzetojn. Tio ebligas, ke mi senecese haltigu la parolanton inter du frazoj aŭ eĉ ene de frazo.

En la Universala Kongreso de Lillo mi spertis la feliĉon renkontiĝi kun Paŭlo Sergio Viana, unu el la partoprenantoj de la retejo. Mi povis diri al li, kiom mi ŝatas liajn klopodojn paroli klare kaj ne tro rapide, tiel ke li estu komprenata de ĉiuj, inkluzive de la komencantoj. Li estis tia, kia ni aŭdas lin en ĉi tiu retejo: afabla kaj simpatia. Li proponis, ke mi esprimu miajn dankojn en la retejo kaj partoprenu la kreadon de tekstaj kaj sonregistritaj dokumentoj.

Mi promesis tion fari de tempo al tempo kaj dankas al Paul Signoret, kiu amike reviziis ĉi tiun unuan provon.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## La Esperanta Retradio donas bonan ĉirkaŭ 5 minutan aŭskultadon/legadon ĉiun tagon.



http://esperantaretradio.blogspot.co.at/?view=magazine

Vi bezonas nur 5 minutojn ĉiun tagon por Esperantistiĝi. ☺★★★



Altaj apartamentoj plenigas la Wuhan-lokon

# Dekmilionoj de loĝantoj en unu urbo? Ne problemo!



Ĉe antaŭurbra loko Unu familianaj 3 etaĝaj loĝejoj apud rivereto



Ne tre ĉin-stila Manĝo ĉe Macdonald (Dankon!)



Ŝajna vagonara manĝvendejo ĉe la stacidomo

## La Adelajda Esperanto-klubo.



La adelajdanoj laste klubumis la 7-an de oktobro. La ĉefa programero estis spektado de la filmo de Sam Green pri Esperanto. Krome ni solvis krucenigmojn kaj parolis pri diversaj temoj laŭ la paroliga ludo de Trevor. Kiel kutime, ni finis la kunvenon per kantado.

Amike, Katja Steele

# La Brisbana Esperanto-Societo

Anoj kunvenas La tria aŭ Kvaran Sabaton. Je la 11atm Kay Anderson 07 3372 7006



www.meetup.com/Brisbane-Esperanto-Society/

Kara Roger, dankemon vi meritas por via valora novaĵletero. Nun mi sendas al vi foton de la aŭgusta kunveno de la Brisbana Esperanto Societo.

La foto montras membron Lyudmila, kiu raportis detale pri sia vizito ĉe esperanto- domo en Sidnejo kaj la belega gastameco tie. Ŝi revenis kun multaj interesaj Esperanto eldonaĵoj i.a. Petro



## 3ZZZ Retradio Melburno

Ĉi semajne la elsendo de 3ZZZ, tiu de la 12a de oktobro ,proponas plurajn erojn pri la lingvo Esperanto: la kutima parolado de Marcel pri la diferenco inter verbtempo kaj verb-adjektivaspekto, artikolo de Alexander Shlafer pri la lingva konsultejo kaj opinio de Eŭgene de Zilah pri la rimarko de André Cherpillod ke mankas etimologiaj informoj en PIV. Ĝuu la aŭskultadon, Franciska Toubale

## Se vi ne informas min, AE ne povas informi niajn 315 ricevantojn.

Sendu novaĵon (eĉ mallongan), bildojn, fotojn al mi eĉ dum mia foresto en Ĉinujo

### La Klubaj Kontribuantoj al la Novaĵletero

| Aŭstraliaj Esperanto-Kluboj | 210 | 211 | 212 | 213 | 214 | 215 | 216 | 217 | 218 | 219 | 220 | 221 | 222 | 223 | 224 | 225 | 226 | 227 | 228 | 229 | 230 | 231 | 232 | 233 | 234 | 235 | 236 | 237 | 238 | 239 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| AEA informas | | | X | | | X | | | | X | | | X | | X | | | | | | | | | | X | | X | | | |
| Aliaj Landaj kontribuantoj | | | X | | | X | | | | | | | | X | | X | | | X | X | X | | | X | X | X | X | X | | |
| Brisbana Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | X | | X | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Brisbana Esperanto-Societo | | | X | | | | | X | | X | | | | | | | | | | | | X | | | | | | | | X |
| Centra-Marborda Esperanto-Klubo | | | | X | | | | | | X | X | | X | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Kanbero Esperanto -Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | X | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Manlia Esperanto-Klubo | | | X | | X | | X | | X | | | X | | X | | X | X | X | | X | | X | | | X | | X | | | |
| Melburna "Meetup" Grupo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Melburna Esperanto-Asocio | X | | X | | | | | X | | X | X | | X | | X | X | | | | | | | | | | | X | | | |
| N.S.K Esperanto-Federacio | X | X | X | X | X | | X | | X | X | | X | | | | X | | | | X | | X | X | X | X | X | | | X | |
| Noumea Klubo (NovKaledonio) | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Okcident-Aŭstralio Esperanto-Ligo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Sudaŭstralio | | X | X | X | | | | | | | X | X | | | | X | | | | | X | | X | | X | | | X | | X |
| Tasmania Esperanta Societo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | X | | | | |
| Toowoomba Esperanto-Societo | | | | | | X | | X | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Torkia Esperanto-Kafo-Klubo | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| Viktorio Esperanto-Federacio | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | | |
| 3ZZZ Esperanto-programo | | | | X | X | X | X | | X | X | | X | X | X | X | X | | | | | | | | | | X | | X | X | X |

"Informu AE, se estas eraro en la listo" rspring@tpg.com.au




